53a Jaro · N-ro 3 · Septembro · Oktobro · Novembro · Decembro 1961a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-

# Adiaŭo

En 1908, kelkaj fidelaj Zamenhofuloj starigis la revuon " Belga Esperantisto " per kontraŭbatali la IDO-skismulojn, kiuj endanĝerigis la tutan movadon, kaj inter kiuj estis la unua Prezidanto de Belga Ligo mem, Komandanto Lemaire, kiu estis samtempe la eldonanto de " Belga Sonorilo ", kiu iĝis do idista.

Dufoje, pro militoj, nia revuo devis ĉesi sian eldonon. Sed dufoje ĝi renaskiĝis, kiel la fenikso, el siaj cindroj . . . Kaj dufoje ĝi reprenis sian lokon tre decan inter la tutmonda esperanto-gazetaro.

Kaj nun, subite, ĝi memvole decidas morti . . . Tiu ĉi numero de " Belga Esperantisto " efektive estas la lasta, kiu aperos sub tiu titolo.

Sed se la forlaso de tiu titolo, — kiu dum 52 jaroj estis uzata por la diskonigo de la novaĵoj pri la belga movado —, kreis ĉe la gvidantoj de nia revuo kaj kreos ankaŭ ĉe multaj legantoj, kompreneblan, melankolietan senton, ni tamen pripensu, ke tiu ĉi morto ne estas, kiel la du antaŭaj promilitaj haltigoj, kaŭzita de samtempa haltigo de la movado.

La adiaŭo, kiun ni per tiuj ĉi linioj direktas al nia legantaro, estas fakte nur " Ĝis revido ", kiun ni diras al ĉiuj, kun la plena certeco ke ili restos al ni fidelaj ; ke ĉiuj niaj legantoj estos ankaŭ legantoj de la revuo, kiu, ekde la komenco de 1962, anstataŭos la malaperontan " Belga'n Esperantisto'n ".

Car ne okazos haltigo en la eldonado . . . Ni diru, ke la sekvonta numero havos titolon pli ĝeneralan " ESPERANTO-REVUO de BELGA ESPERANTO-FEDERACIO " . . . Sed ke, sub tiu nova titolo, ĝi daŭrigos sian ĝisnunan laboron . . . Ĝi ligos nur pli da homoj, kiuj, ĝis nun, propagandis nian lingvon en disigitaj rangoj aŭ flanke unu de la aliaj ; kaj kiuj, finfine, decidis tion fari, per unuigitaj fortoj, sub unu nova flago " Belga Esperanto-Federacio ", en kiu kunfandiĝis, antaŭ nelonge, la du ĝisnunaj Ligoj.

Povas el tiu ŝanĝo ekesti nur bono ! . . . La Fenikso, kiu renaskiĝos, estos pli bela ol la antaŭa . . . Ĉar, laŭ la devizo mem de nia lando, la reunuigo de la neŭtra movado povos alporti al ni nur pli grandan forton.

La ĝisnuna direkcio de " B.E. ", kiu estos anstataŭata de komuna redakcia komitato, dankas do siajn legantojn pro ilia fideleco dum tiuj 53 jaroj, dum kiuj ĝi daŭre dissemis la bonan novaĵon kaj subtenis la gvidantojn de la movado en ilia laboro.

Ĝi promesas ke ĝi, — ankaŭ estonte —, helpos certigi la regulan eldonon de la nova revuo . . . Kaj ĝi alvokas ĉiujn legantojn, kunhelpi al la redaktado de ĝi, ĉu per efektiva kunlaboro, ĉu almenaŭ per valoraj konsiloj.

Kaj kun la helpo de ĉiuj, la nova revuo, daŭrigo de la antaŭaj, — estonte ankoraŭ pli trafe ol estinte —, certe plenumos sian rolon de ligilo necesa inter ĉiuj kiuj, en nia lando kaj sur la neŭtra kampo, propagandas nian karan lingvon.

Maur. JAUMOTTE.

# BELGA ESPERANTO-FEDERACIO

Sabaton, la 7-an de oktobro, okazis en Bruselo, kunsido dum kiu la gvidantoj de ambaŭ Ligoj pridecidis la starigon de Federacio, kiu, ek de nun, reprenos la ĝeneralan propagandan laboron, kiun tiuj du ligoj efektiviĝis ĝis nun.

La du estraroj provizore gvidas kaj gvidos la novan federacion en komuna Estraro. Provizora Administrantaro estas kunmetita, kiu konsistas el la estraranoj de ambau ligoj kaj el la Prezidanto, vicprezidanto kaj sekretaria de ĉiuj grupoj kiuj jam aliĝis siajn membrojn al la nova federacio dum la citita kunveno.

Principe estas akceptitaj kiel membroj al la nova Federacio ĉiuj membroj de ambau Ligoj, kiuj pagis la kotizon por 1961 al unu el tiuj ligoj, nur tiuj kiuj mem oficiale rezignus, estus forigataj de la komuna listo.

La provizora Administrantaro fiksis jam la kondiĉojn laŭ kiuj estos elektata la unua definitiva administrantaro: ĉiu grupo rajtos reprezentiĝi sin en la Administrantaro de unu membro per ĉiu komenciĝinta kvindeko da membroj enskribitaj en la grupo dum la jaro 1960.

La grupoj estis petataj havigi la nomojn de la kandidatoj, kaj la unua ĝenerala kunveno de la Federacio jam okazis en Bruselo la 4.11.61.

* * *

La ĝenerala kunsido de la membroj de la nova Federacio definitive akceptis la Statuton kaj ankaŭ regularon pri interna ordo, en kiu estas fiksitaj diversaj aferoj, kiuj ne estas antaŭviditaj de la statuto.

Ĝi ankaŭ elektis la definitivan administrantaron, laŭ la proponoj de la diversaj grupoj.

Poste okazis unua kunsido de la administrantaro kiu decidis ke la nova Federacio estos momente gvidata de *Komuna Estraro*, kunmetita el la membroj de la du ĝisnunaj estraroj de ambaŭ Ligoj, kiuj kunfandiĝis en la Federacio.

La unua kunveno de tiu ĉi Komuna Estraro estas fiksita je la 9a de decembro.

Ni publikigos en la unua numero de la organo de la Federacio kaj sub la titolo: " ESPERANTO-REVUO de BELGA ESPERANTO-FEDERACIO ", la statuton kaj la regularon pri interna ordo, kaj ankaŭ la liston de la administrantoj.



# Repagu tuj vian Kotizon

Kiam tiu ĉi lasta numero de nia revuo aperos, la tempo estos alveninta por la repago de la kotizoj por la jaro 1962.

Por la faciligo de la afero ni petas, ke ĉiu pagu sian kotizon por la nova jaro, kvazaŭ nenio estus okazinta; t.e. kvazaŭ R.B.L.E. daŭrigus sian ekziston ankoraŭ dum la jaro 1962. La kasistinoj de ambaŭ Ligoj mem reguligos la transpagojn al la Financa Fako de la nova Federacio.

Do, por la membroj de la grupoj, estas tutsimple: Ili daŭrigu pagi al sia grupo aŭ al ties kasisto.

Por la izolaj membroj, kiuj ĉiam rekte pagis sian kotizon al la Ligo, ili same agu por la jaro 1962: do rekte al P.Ĉ.N. 13.37.65 de " Reĝa Belga Ligo Esperantista ", Bruselo.

La grupaj kasistoj ankaŭ agu kiel antaŭe. S-ino R. Van Herck-Huysmans daŭrigos funkcii kiel kasistino por la transpagoj al la Federacio.

GRAVA estas la eta, sed tamen notinda plialtigo de la kotizoj, kiu estis jam neevitebla dum la finiĝanta jaro, sed kiun la estraro de R.B.L.E. prokrastis antaŭvide al la kunfandiĝo.

La kotizoj por la nova Federacio kaj por ties grupoj estas:

| | | |
|---|---|---|
| Ordinara membro (kun abono al la revuo) | Fr. | 125 |
| Familia membro (edzino kaj infanoj) | Fr. | 65 |
| Kadetoj (18 ĝis 21 jaraj) | Fr. | 65 |
| Infanoj (malpli ol 18 jaraj) | Fr. | 35 |

Krome estas starigita, ekde la jaro 1962, la BONFARA MEMBRECO, kiu alportas specialan apogon al la loka kaj nacia movadoj. La bonfarantaj membroj havas la samajn rajtojn, kiel la ordinaraj membroj, do ankaŭ ricevas la revuon. Sed krome, iliaj nomoj estos publikigataj en HONORA KOLONO, en la revuo de la Federacio.

Ni esperas ke multaj volos, per tiu memvola kromdonaco, helpi al la plifirmigo de la movado en nia lando.

Por U.E.A. la kotizoj restas senŝanĝaj kaj la individuaj membroj de U.E.A. do adiciu la du kotizojn, por scii kiom ili ŝuldas, por membriĝi samtempe al la loka, nacia kaj internacia movadoj.

# Kongresoj

47-a Universala Kongreso de Esperanto Kopenhago
4-11 aŭgusto 1962.

Sub la Alta Protektado de la Dana Ĉefministro Viggo Kampmann
OFICIALA KOMUNIKO
Rotterdam, la 1-an de oktobro 1961.

GRAVA !

En kunligo kun la nova Kongresa Regularo, bonvolu noti la jenajn gravajn ŝanĝojn :

1) La aliĝiloj kaj ĉiuj kotizoj estu senditaj al la oficialaj Kongresaj Perantoj aŭ rekte al la *Centra Oficejo de U.E.A., Eendrachtsweg 7, Rotterdam-2, Nederlando.*

Nur la danaj aliĝantoj sendu la kotizon kaj la aliĝilon al : 47-a Universala Kongreso de Esperanto, Kopenhago K., Poŝtĉekkonto 3266. Ĉiuj korespondaĵoj estu adresitaj al la Konstanta Kongresa Sekretario ĉe la C.O. de U.E.A.

2) La kotizoj estas la jenaj :

| | *ĝis 31-12-61* | ind. membro de UEA | *ĝis 31-3-62* | ind. membro de UEA | *ĝis 30-6-62* | ind. membro de UEA |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Kongresano | 560 F | 490 F | 644 F | 574 F | 721 F | 651 F |
| Edz(in)o | 280 F | 245 F | 322 F | 287 F | 361 F | 326 F |
| Junul(in)o ĝis 20 j. | 210 F | — | 242 F | — | 273 F | — |
| Studentoj (20 j. ĝis 30 j.) | 350 F | — | 403 F | — | 455 F | — |
| Blindulo & gvidanto | 280 F | — | 322 F | — | 361 F | — |

Baza Artikolo kaj Enciklopediaj Notoj :

Lokaj Esperanto-Societoj estas petataj organizi almenaŭ unu informvesperon pri Kopenhago, pri Danlando kaj pri la 47-a Universala Kongreso. Por tio estas havebla ĉe la C.O. de U.E.A. la jena materialo (senpage ricevebla) :

a) baza artikolo pri Kopenhago.
b) enciklopediaj notoj pri Danlando.
c) magnetofona programo pri la Kongreso.



## D-ro P. Kempeneers, Honora Prezidanto de B. E. J.

Unua ago de la ĝenerala kunsido de la membroj de Belga Esperanto-Federacio estis konfirmi D-ron P. Kempeneers, iaman prezidanton kaj nun pro-honoranprezidanton de R.B.L.E., kiel honoran prezidanton de la Federacio.

D-ro Kempeneers danke akceptis sian novan honoran funkcion kaj promesis ĉeesti la kunsidojn de la adminustrantaro kiel konsilanto.

---

Unua Bulteno :

La 8-paĝa elegante eldonita Unua Bulteno de la 47-a Universala Kongreso, kun bildoj pri Kopenhago, listo de Perantoj kaj provizora programo estas senpage ricevebla, kune kun la aliĝiloj, ĉe la C.O. de U.E.A.

Antaŭ-Kongreso :

La oficiala Antaŭ-Kongreso okazos en Helsingor, Danlando, de la 29-a de julio ĝis la 4-a de aŭgusto 1962.

Prospektoj, kun kompleta programo kaj aliĝilo, estas riceveblaj ĉe: L. Friis, Ingemannsvej 9, Aabyhoj, Danlando aŭ C.O. de U.E.A.

* * *

Trilanda Renkontiĝo.

Depost jam monatoj, S-ro N. Smith, delegito UEA en Dover, Anglujo havis la planon plivigligi esperantistan vivon en la urboj ĉirkaŭ la markolo de Calais (Norda Maro). Tio rezultigis planon pri trilanda renkontiĝo de geesperantistoj de la havenurboj ĉirkaŭ tiu markolo. Post multaj antaŭaj klopodoj okazis pri tio interesa kunveno la 10-8-'61 : en la hejmo de S-ro Christiaan Declerck en Oostende. Ĉeestis tie delegitoj kaj samideanoj el Brugge, St. Andries, Oostende, Aartrijke, Folkestone, Dover, Hazebrouck, Duinkerke, St. Omer, Bourbourg kaj Lille. La tasko por la venontaj monatoj estos ekde nun priserĉi la eblecojn, elekton de urbo, provizoran organizon de programo ktp. Diversaj personoj kaj eĉ almenaŭ unu grupo povos helpi. Ĉion centriĝas S-ro N. Smith ; 14b Castle Avenue, DOVER (Kent), Anglujo.

* * *

La Germana Esperanto-Junularo invitas vin kore al sia
5a Internacia Seminario

okazos sub la honora protektado de la ĉefurbestro de Köln, s-ro Theo Burauen, de la 27a de decembro 1961 vespere ĝis la 2a de januaro 1962 tagmeze en la tute nova kaj tre moderne junulargastejo de Köln-Deutz, situanta vid-al-vide de la gotika katedralo kaj la centra stacidomo de Köln.

# Al Hago

La 8a Beneluksa Kongreso de Esperanto.

En la kadro de la beneluksa kunlaborado la haga sekcio de L.E.E.N. organizos la 8an Beneluksan Kongreson de Esperanto en la venonta jaro 1962a dum la Pentekostaj tagoj en la konferencejo " Overvoorde " tuj apud Hago.

La kongreskotizoj estos :

| | | |
|---|---|---|
| ĝis 31-12-1961 | ƒ 10,— | ƒ 18,50 *) |
| ĝis 31- 3-1962 | ƒ 12,50 | ƒ 21,— *) |
| ĝis 15- 5-1962 | ƒ 15,— | ƒ 23,50 *) |

*) Inkluzive *du* tranoktadoj kaj *du* matenmanĝoj ! (La prezoj de la hoteloj por *unu* tranoktado varias de ƒ 8,50 ĝis ƒ 16,— ! !)

Sed nun jam oni anoncas la kongreson por ke la gekongresontoj sufiĉe frue povu rezervi tiujn tagojn kaj . . . kapti la okazon unikan tranokti je tiuj treege malmultekostaj prezoj.

Ĉar verŝajne oni scias ke dum Pentekosto multegaj turistoj ŝatas viziti Hagon kaj la marbordon de Scheveningen (jam 4, 5, 6, monatoj antaŭ Pentekosto kaj Pasko tiuj turistoj mendas preskaŭ ĉiujn hotelĉambrojn) kaj due . . . nur por 100 kongresanoj la haga kongreskomitato povos prizorgi la tranoktadon je tiuj malaltaj prezoj kaj trie . . . oni jam nun povas komenci ŝpari monon por la kongreso ! Do senprokraste enskribiĝu vin nun por ĝui la malaltajn prezojn de tranoktado en la konferencejo mem. Prenu vian plumon kaj skribu tuj al : la sekretariino de la kongreskomitato beneluksa :

s-ino I.M.J. Dijkhoff-Lenze
van Trigtstraat 20, tel. : 070-243923
's-Gravenhage (Nederlando)



Pro ŝtata subvencio la kotizo (enhavanta loĝadon, ĉiujn manĝojn kaj seminariajn aranĝojn) estos nur 48,— GM por gepartoprenantoj malpli ol 25-jaraj kaj 60,— GM por pliaĝuloj. Parto de la vojaĝkostoj (ĝenerale 50 %) sur la linioj de la Germana Federacia Fervojo estos repagata al la gepartoprenintoj malpli ol 25-jaraj.

**Koran bonvenon en Köln !**

La Federacia Estraro de GEJ kaj la Organiza Komitato de la 5a IS:
Bonvolu sendi aliĝilon kaj antaŭpagon al la sekretario de la Organiza Komitato, s-ro Ulrich Lins, Gemarkenstrasse 146, Köln-Dellbrück, Germanujo (poŝtĉekkonto: Karlsruhe 545 77. Deutsche Esperanto-Jugend, Oldenburg/Oldb.) aŭ al jenaj landaj perantoj:

Belgujo: F-ino Leona Meurrens, Naamse Straat 78, Leuven; Poŝtĉekkonto: S-ro Leo Meurrens, Leuven, 40.70.02.



# BELGA KRONIKO

**Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.**
**Vicprezidantoj : S-ro Henri SIELENS, Falconrui, 21, Antverpeno ;**
**D-ro Pol DENOEL, 20, rue Victor Raskin, Liège.**
**Vicprezidantino : S-ino Julia PLYSON, 185, rue Jourdan, Bruselo.**
**Generala Sekretario : S-ro Luc DE MARRE, Groenendaallaan, 232, Antverpeno.**
**Kasistino : S-ino Rosette VAN HERCK-HUYSMANS, Max Roosstr., 28, Bruselo 3.**
**Administranto de B.E. : S-ro François SCHELLEKENS, Frans Hensstraat, 44, Antverpeno.**
**Reprezentanto de TEJO : S-ro Nico VAN HERCK, Max Roosstr., 28, Bruselo 3.**
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

Dum la tuta jaro 1961, la « Belga Kroniko », kiu donis novaĵojn pri la vivo de la Grupoj, ne povis regule aperi.

Estis nia intenco publikigi, en la du lastaj numeroj de nia revuo, iom ampleksan Kronikon, kiu resumus la aktivecon en la grupoj dum la tuta jaro.

Dum la ĝenerala kunsido de la membroj de la Federacio, la delegitoj de la grupoj, same de R.B.L.E. kiel de Fl. L. E. decidis aperigi ankoraŭ nur UNU numeron de 20 paĝoj en 1961, tiel ke la ekeldono de la nova revuo povu okazi ĝustatempe en la komenco de 1962.

Tial ne aperas « Belga Kroniko » en tiu ĉi numero.

Tamen, se la grupoj, ĝisnun aliĝintaj al R.B.L.E. tion vere dezirus, « aldono » povos esti presata, por esti kunsendata kun la unua numero de la nova revuo. Tio okazigus kompreneble specialan elspezon, sed estas tamen efektivigebla !

## Informoj el la Esperanto Kulturdomo Grésillon

Nun finiĝis la somero kaj la geamikoj, revenintc hejmen, revivigas per la memoro la liberteinpajn okazaĵojn.

La Esperantista Kulturdomo en BAUGE (Maine et Loire) FRANCUJO fermis siajn pordojn sed ĝia somera viveco plenigas la koron de la restadintoj. La rememoro permesos al ili plenumi sian esper-plenan promeson reveni al Grésillon post unu aŭ du jaroj, kaj retrovi la internacian etoson kiu regas en ĝi, ĉefe en Julio.

Krom la periodoj pli celantaj al la instruo de Esperanto al la franclingvanoj (sed je kiuj la nefrancoj kompreneble estas bonvenataj ĉar ili internaciigas la etoson) ekzistas en Julio speciala periodo kultura kaj kulturiga: « La Internaciaj Kulturaj Ferioj ». Dum tiu periodo en 1961 prelegis, S-ino E. LAPENNA el JUGOSLAVIO, S-ro DARJO RODRIGUEZ el HISPANUJO, S-ino CHEVERRY, D-ro ALBAULT, S-roj LLECH - WALTER kaj BABIN el FRANCUJO. La temoj de la prelegoj estis tre diversaj, interesaj kaj ĉiam atente aŭskultataj eĉ pridiskutataj. Jen kelkaj titoloj; la recenz-laboro en Esp.-gazetaro; Popularsciencaj eldonaĵoj en Esperanto; la malsato en la Mondo; Seksologia problemo; evoluo de Edukado; lingvo ĥaoso en Eŭropo; dancoj kaj kantoj el Katalunio, k.t.p. Dum la sama periodo estis organizitaj ekskursoj al la plej interesaj vidindaĵoj de la ege bela regiono: la Loire-kasteloj dumtage kaj dumnokte, originala zoologia ĝardeno, ANGERS, ĝia kastelo kaj ĝia muzeoj, k.t.p.

Internacia, kultura kaj feria, tia estis tiu periodo 1961, du samaj jam estas planitaj: Unu en Aprilo (Paskaj ferioj) kun partopreno de eminenta profesoro Waringhien, alia komence de Julio.

## Novaĵo pri Revuoj

1) Grava Internacia Katolika Revuo nun ankaŭ aperos en Esperanto.

La konata Itallingva revuo " Citta Nuova ", jam grandskale disvastigita en multaj landoj per la respektivaj naciaj lingvoj, aperos nun ankaŭ en Esperanto sub titolo : " Nova Civito ".

La zorge ellaborita enhavo estas tre varia, interesa kaj aktuala. Mondkroniko ; ravaj ekskursoj inter la mirindaĵoj de scienco kaj tekniko ; ĉio riĉe ilustrita ; noveloj kaj historio ; pritraktado de vivproblemoj ; recenzoj pri novaj libroj ; meditado ; katolika doktrino.

Ĝi estas esence bazita sur la kristanaj kredo kaj amo. Kvankam la unua intenco estas doni nutraĵon de la Vero, kaj formi la konsciencon, laŭ la vorto de Dio kaj la instruado de la Eklezio, la eldonistoj tamen tute ne malzorgas la artan perfektiĝon kaj la literaturan aspekton.

La jarkotizo por ses numeroj estas 1.200 It.liroj ; 7.20 Ned. Guld.; 29 St. Mendu ĉe : " Nova Civito " Via della Scrofa 14/1 ROMA Italujo. Poŝtkonto 10406 : Citta Nuova.

2) " El Popola Ĉinio ".

Tiu dumonata, tre riĉe ilustrita revuo kiu donas bildon de la evoluo de la renaskiĝanta Ĉinujo kostos nur 34 belgajn frankojn por jarabonokaj eĉ nur 60 se vi abonas por du jaroj ! Provnumero estas havebla ĉe nia redakcio. Tiuj kiuj pagos antaŭ la jarfino ricevos senpage unupaĝa koloran esperantan kalendaron.

Tiu revuo samtempe atentigas pri siaj eldonoj.
Maŭ-Tse-Tung " Pri Praktiko " ; prezo : 2 resp. kuponoj (tiu prezo estas por enbinditaj ekzempleroj ; la broŝuritaj kostas la duonon)

Poŝtmarkoj de la Ĉina popola Resp. albumo : 17 resp.ku.

Peranto : Belga Esperanto-Instituto Cuylitsstraat 119 Antverpeno.

3) Komuniko el Francujo.

El la provinco " NORMANDIE " kies ĉefurbo estas ROUEN, post diversaj klopodoj, la ĉefa ĉiutaga ĵurnalo akceptis enpresi Esperantan Kurson, ĉiun semajnon en sia " Junulara Rubriko ".

Tiu ĵurnalo aperas po 180.000 ekzempleroj kaj tiel fariĝis bona propagandilo por ESPERANTO.

Dezirante pruvi, al la Direktoro de tiu ĵurnalo, la valoron de ESPERANTO, ĝian viglecon kaj ĝian disvastigecon, la normanda esperantistaro, alvokas ĉiujn Esperantistojn, en la tuta mondo, sendi dank' kaj gratulpoŝtkartojn al la ĉi-suba adreso :

ESPERANTO, Junulara Rubriko, Paris - Normandie ROUEN Seine Maritime - FRANCIO.

ĈIU SENDONTO RICEVOS RESPONDON.



## 60-JARULO

### SALUTO AL GASTON WARINGHIEN

*(kiu tradukis la robaiojn de Omar Kajam el Persujo en Esperantajn aleksandrojn)*

La cirklo de la tempo plenas
post du jarmiloj da meandro :
denove kontraŭ l' Perso venas
Aleksandro !
KAJ JAM en pat' de Varingjen'
(ĉi majstro de la kulinaro !)
fritita kiel haring', jen
OMARO !
Se vortostoko ne sufiĉis
por ia vesto de Persio,
nu, persa robo simple iĝis
Roba-io !
Viro de l' muzo, aŭ muzulo,
ho, kiel lerte via mano
triumfis en la vers-formulo —
Muzulmano !
Do nun vi montras, post rivel'
de gramatik' kaj poetiko,
jam la maturan frukton de l'
Persiko !
Aŭ se " persismo " indas je
aldonas al la vortolisto,
ni diru : jen la frukto de
Persisto !
Tiu persismo diafane
montras, per analiza skismo,
ke kreas via fort' vulkane
Per sismo !
Vi vadis en la persa fluo,
kaj interpretis serenade,
logante nin al alta ĝuo
pers-vade !
Sufiĉe ! Estas aksiomo
por ĉiu literato, ke
Gastono estas granda homo
PER SE !

* * *

Kia vortludado ! Kia vortĵonglisto tiu . . . Raymond Schwartz ? Jes ! Sed ! Tiu-ĉi poemo estas de . . . Reto Rossetti ; kaj estas ĉerpita el " Pinta Krajono " kiun eldonis ankaŭ Stafeto de Dr. J. Regulo-Perez. Ni aldonu ke en tiu poemkolekto estas rondeloj kiuj egalas tiujn de Dr. K. Kalocsay, tiu majstro de la rondelo !

# historia kroniko

## la tiel nomataj «nekonataj metioj»

En nia lando oni komprenas en la dirajo "nekonata metio aŭ profesio" iun profesion por kiu oni ne bezonas havi specialajn kapablojn nek iajn specialajn preparojn, iun metion kiu ne renkontas grandan estimon, faritan plejparte de iom humildevenaj personoj, sed metio kiu alportas al tiu metiisto sufiĉe grandan enspezon, duonsekretan, kaj do ne konatan. Al tia speco apartenis sendube en la Mezepoko la metio de torturisto. Oni nomis lin ankaŭ pendigisto ; kaj eĉ kuiristo. Efektive, li devis ekzekuti la mortpunaljuĝon : kaj tio fariĝis laŭ tre varia maniero : la senkapigo, la pendigo, la dronigo, la strangolado ktp. ktp. Cetere li devis ankaŭ plenumi la aliajn punaljuĝojn ne mortigajn : torturado, senmanigo, senokuligo, kaj tre multaj aliaj punoj.

Ĝenerale oni ne havis multe da respekto (jes timo!) por li. Preskaŭ ĉiam estis iu el la mallibera klaso (ekz. servutulo) kiu estis elektita por okupi tiun postenon. Povis eĉ okazi ke lia (pra)patro estis mem krimulo. Ja okazis fojfoje en la frua mezepoko ke oni ne estis trovinta ekzekutiston kaj tiam unu de la krimuloj povis savi sian vivon mortigante la aliajn. Li kutime restis profesia ekzekutisto. En Gent estas konata la kazo de du krimuloj — patro kaj filo — kaj la filo kiu laŭjuĝe ekzekutis sian patron, ricevis poste liberecon kaj iĝis profesia torturisto. Tiu ĝenerala malestimado trovis sian elmontriĝon en kelkaj regionoj kie la ekzekutisto devis porti specialan flavan vestajon. (En aliaj regionoj ruĝa vestaĵo).

Sed tiu metio estis tre profitdona ! Unue. Li ricevis fiksitan salajron laŭ la punaljuĝo kiun li devis plenumi. Due. Li povis liveradi la necesaĵojn por la mortigo : ekz. pajlo, por la brulŝtiparo, aŭ ligno : kandeloj, ĉenoj, kaj diversaj feraj iloj. Kompreneble li gajnis ĉiufoje iom da mono en tiu komerco. Trie. Li povis ankaŭ liveri la longan blankan verstaĵon kiun devis porti la mortkondamnitoj. Kvare. Ĉio kion portis la mortkondamnito, je la momento de la mortigo, estis por la torturisto. Tiamaniere tiu persono povis komerci en jam portitaj vestajoj ! Kvine. Lia komerco ne limiĝis al nur tio ! Li ja vendis diversajn funebrajn artikolojn ekz. pecoj da ligno, najloj, ŝnuroj de la pendigilo ! Eĉ sango ! (Multaj personoj kredis ke tia sango, miksita al nutraĵo de bestoj, plifortigis tiujn bestojn !) aŭ detranĉitaj manoj, fingroj, piedfingroj ktp. Multaj mezepokaj personoj fieris, aŭ sadiste ĝuis posedi tiajn objektojn ! Alia afero estas ke oni konservis tiajn objektojn kiel relikvojn, se la mortigita persono estis konsiderata kiel sanktulo. Sese. Multaj konsultis lin kiel ĥirurgon. Li ja estis akirinta bonan konon de la homa korpo ; kaj aliflanke la kuracisto ne estis la persono kiu operaciis. Li nur donis konsilon. Aliaj devis operacii ; ekz. la barbisto ! Do, se iu malsanulo devis esti liberigata de malsana kruro aŭ piedo aŭ iu ajn korpoparto, oni tre ofte demandis al la torturisto por fari tion . . . kontraŭ ne modesta pago ! Sepe. Kvazaŭ la metio ne estis sufiĉa por





vivteni lin, la urbestraro ofte donis al li aliajn taskojn aŭ okupojn, ĝenerale ne ŝatatajn, ekz. kontrolo pri la banejoj (kiuj havis malbonan famon en tiu tempo!) pri la fifamaj trinkejoj-diboĉejoj. Ankaŭ estis li kiu devis kapti vagantajn hundojn kaj senfeligi ilin. Ĉio kontraŭ iu pago. Oke. En tiuj tempoj la ekzekutadaj estis publikaj . . . kaj eĉ publikaj amuzigiloj ! Kiam altrangulo devis esti senkapigata, staris multaj benkoj ĉirkaŭ la publika loko. Nu, estis la torturisto kiu havis la rajton aljuĝi al ĉiu sian lokon (legu : vendi tiun, aŭ pli bonan lokon). Deke ; kaj laste. La familianoj de mortkondamnitoj ofte donis rekompencon al la torturisto se li volis plej eble multe rapidigi aŭ malpli dolorigi la mortigon.

Post ĉio tio vi ne miros se la mezepoka torturisto estis iu kiu povis kolekti kapitaleton. Malgraŭ la nebona famo kaj malestimo, tiuj torturistoj klopodis por heredigi la funkcion en la familio. Tiel en Parizo dum du jarcentoj tiu okupo iris de patro al filo en la familio Sanson.

Drs. F. R.

**POLA RADIO SENDAS ĈIUTAGE EN ESPERANTO !**

Horo : 16,30 ĝis 17a h. Mezeŭropo temfpo.
Ondlongo : 31 ; 01 m (9675 kc/s)
41,12 (7295) — 48,43 (6195) kaj 249 M (1205 kc/s)
Programo:
lundo: felietono pri politiko, socio, ekonomio, esperanto, scienco
mardo: pola muziko
merkredo: kulturo; koncerto kun bondeziroj
ĵaŭdo: aktualaj temoj; respondo al leteroj
vendredo: literaturo; pri Polaj kaj Esperantistaj verkoj
sabato: la pasinta semajno en Pollando
dimanĉo: panoramo pri internaciaj okazaĵoj; esperantista magazino

# Orientaj Tapiŝoj

Kiu jam foje staris antaŭ elmontra fenestro kun tapiŝoj el Oriento, verŝajne sin demandis : " kial ĝuste el tropikaj landoj orientaj devenas tiom granda diverseco de varmigaj lanaj tapiŝoj ? "

Oni pli facile imagus ke tia industrio pli frue estus disvolviĝinta en malvarmaj landoj. Orientaj tapiŝoj dankas sian nuntempan kvaliton kaj belecon verŝajne al la fakto ke ĉiu Mohametano deziras posedi propran preĝtapiŝeton. Estas malpermesite tuŝi teran polvon dum preĝado ; krome, kie ajn oni troviĝas, je la fiksita horo, oni devas klini en direkto de Mekka por la preĝado.

Krom tio la tekniko de tapiŝnodligado estis la nura kiun la Araboj disponis, eĉ kiam ili deziris fari pli pezajn teksaĵojn. Selpoŝoj, tendaj kovrilaĵoj kaj eĉ kapkusenoj estis nodligataj.

Jam antaŭ la mezepoko oni klare povis distingi du grupojn tapiŝajn : unue tapiŝoj por la kortegoj kaj moskeoj faritaj de la plej artistemaj tapiŝistoj : kaj due la malpli tendencaj produktoj, destinataj por la popolo. Sed unu grava samtendenceco ĉiam estis konstatebla : por imperiisto kaj beduino la tapiŝoj estis la plej kara kapitaligo.

La plej famaj ankoraŭ ekzistantaj tapiŝoj datumas el la dektria jarcento. Sed jam en la deksesa la tapiŝarto atingis la tre altan nivelon ; kaj tio restis eĉ ĝis hodiaŭ !

Ekzistas kvin ĉefgrupoj en kiuj la orientaj tapiŝoj estas dividataj : persa, turka, kaŭkazia, turkmenia kaj ĉina. Ĉiuj havas karakterizajn signojn kaj diferencojn. La persaj tapiŝoj elmontras la plej altan gradon de perfekteco teknike kaj ankaŭ arte. Iliaj modeloj estas naturalismaj, ne realismaj, kaj efektive vivigas pro la plej delikataj kolornuancadoj. Tio ĉi nur eblas pro la uzado de lano. Lano estas farbebla en la plej delikataj nuancoj. La plej fama ekzemplero el la persa grupo certe estas la sankta tapiŝo en la moskeo de Ardebil. Ĝi nombras proksimume 33 milionojn da nodoj kaj ĉiuj estas manfaritaj ; ĝi datumas el la jaro 1540, kaj la farado postulis 30 jarojn !

Turkaj tapiŝoj estas tute diferencaj de karaktero ; iliaj koloroj estas multe pli simplaj kaj la modeloj iom maldelikataj de strukturo. Tamen laŭ arta vidpunkto ili estas najbaraj al la persaj. Precipe kiam oni scias per kiaj primitivaj iloroj tiuj nomadoj el Kaŭkazio nodligis siajn tapiŝojn, tiam oni admiras pri la fortikaj, tre geometriaj modeloj el Shirvan, Dagestan kaj Kubio, la tri ĉefregionoj el kiuj devenas la Kaŭkaziaj tapiŝoj.

Mondkonata el tiu ĉi grupo estas certe la Bokhara, kiun oni nomas " la Rembrandt " el la orientaj tapiŝoj. Tre simbola estas ke la militemaj turkmenoj preferas apliki la sangruĝan koloron ĉe la prilaborado de siaj tapiŝoj.



La modeloj en la ĉinaj tapiŝoj kiel prunfloroj, papilioj, birdoj kaj drakoj estas tute egalaj al tiuj, kiujn oni vidas sur la famaj ĉinaj gravuraĵoj. Ili estas simboloj de feliĉo, prospero, bonsaneco kaj longa vivo de la posedanto.

Rimarkinde estas : la tekniko de ĉiuj restis preskaŭ tute neŝanĝita dum jarcentoj ! La krudmaterialoj estas ĉiuj loke farataj. La memteksata, tre forta lano estas farbita per koloraĵoj, kiuj ankaŭ estas memfaritaj laŭ tute sekretaj receptoj, per tradicie transdonata konservado. Kiam oni en la komenco de tiu ĉi jarcento timegis la utiligadon de pli malkaraj anilinfarboj, la persa registaro tuj malpermesis la uzadon kaj dekretis : malobeo estu punata per forhako de la dekstra mano ! Feliĉe oni ne bezonis apliki tion, ĉar la novaj farboj ne efikis samsukcese. La teksiloj plej ofte konsistas el kvar traboj per ŝnuroj kunligataj, sur kiuj la ĉenfadenoj estas metataj. Virinoj kaj infanoj teksas kaj nodligas la tapisojn.

Kapabla tapiŝistino povas fari tage sep- ĝis okmil nodojn : por kio ŝi antaŭ kelkaj jaroj ricevis la tagsajlaron de 25 cendojn. La lasta frazo eble forprenas iom el la romantiko kiu pendas cirkaŭ la orienta tapiŝo. Sed la fakto restas ke ili kreas neniam samniveligatan belecon. Evidentiĝis : la tekniko de nodligado por la tapiŝfarado jam estis aplikata de la unuaj terloĝantoj ; ili tiel faris siajn fiŝ- kaj ĉaskaptilojn. Tiuj ĉi laboroj fakte estas nur viraj kaj kompreneble preskaŭ ĉiuj viroj volis memfari sian ilaron. Kiam pro tiaj laboroj ekestis la unuaj tre primitivaj tapiŝoj, jam baldaŭ la nodado fariĝis speciala virinlaboro. La jarcentoj preterflugis ; sed hodiaŭ ĉie, kie oni faras tapiŝojn, tio okazas per la manoj virinaj, kiuj delikatfingre lerte kreadas belecon tre varian. Verŝajne tio estonte tamen ŝanĝiĝos, ĉar kiam antaŭ nelonge en Germanio oni per televido bildigis la tapiŝfaradon, envenis sekvontan tagon miloj da informpetaj leteroj, kiuj grandparte (80 %) devenis . . . jes de viroj ! Mirego inter ĉiuj, kiuj interesiĝas pri tio. Kiam poste kelkaj nervkuracistoj deklaris : " ĉi tiu laboro estas perfekta por kvietiĝi " tiam pli kaj pli da viroj sinokupis per nodligado. La butikistoj, kiuj liveras la centkolorajn lankvalitojn, konas sian viran klientaron, kiu serioze plenkonscia aĉetas por la tapiŝo jam komencita aŭ por tiu, pri kiu ili jam ofte revis.

Kuracistoj, bankistoj, direktoroj, sekretarioj kaj fervojistoj, koncize, homoj, kiuj dum la laboro bezonas multan energion, trovas trankvilon, kvieton kaj ripozon per tiu tute nova libertempa destino. Ne nur la manlaboro kontentigas sed ankaŭ la ideo krei ion belan laŭ propra gusto. Oni ne bezonas dubi pri la fiero de la doma sinjoro kiam li povas transdoni memfaritan kreaĵon.

*Artikolo ensendita de la*
*" Internacia Lano-sekretariejo "*
*Amsterdam*

# La Plastika arto de la Nigrulo

## Atributo de lia filozofi-religia pensado

Bildoj apartenantaj al la nigrulplastiko alvenis al ni relative multnombre. Kvankam originaj de regiono tre vasta, kie vivas multnombraj etnoj ne konantaj unu la alian, ĉiuj tamen montras frapantan similecon.

La aĝo de tiuj bildoj ne povas esti tre granda : pro la manko de duraj instrumentoj oni tranĉis ilin plej grandparte el ligno. Praktike ne estas eble ilin enklasigi laŭ la periodo de la kreado. Plej parte ili estas variantoj, kopioj au imitoj de pli frue ekzistintaj skulptaĵoj, kiuj tra jarcentoj, sin alkroĉis al maljunega tradicio.

La kruda formo de la skulptita korpo certe ne estas la rezulto de manko de kapableco. La dika kapo, brute tranĉita, la longa trunko, la mallongaj brakoj kaj kruroj, estis verŝajne en la griza historio la kopio de ekzistanta nigrultipo. Ankoraŭ nun, inter la nigrularo de Kongo, oni trovas personojn sendube similantajn al la tradicia formo de la nuntempa plastiko. La formoj de tiu malnova raso konserviĝis en la bildarto kaj iĝis klasikaj. Mi ankaŭ estas certa ke por la nigrulo ne temas pri idealigitaj formoj, simetrie vidataj, kiuj vole neas la naturajn formojn, kaj volus rimarkigi ian econ, kiel ekzemple : dikigi la kapon por ke oni pensu al la ejo de saĝeco kaj povo.

La formo estas fiksita laŭ ke ĝi pli frue estis la realeco. La formo estas la kopio de tipo kiu ekzistis en la pli frua historio. Tiu praaĝa tipo iĝis klasika, kaj tradicie oni transdonis tiun formon ĝis la nuntempa generacio, malgraŭ la fakto ke artisto kaj popolo, tra la jarcentoj, iĝis aliaj tipoj.

### Ĉenero en la ĉeno.

En la impulso sin esprimi, la nigrulartisto estas ligita al fiksitaj manieroj de kiuj li ne povas sin distanci, ĉar lia produktado havas praktikan celon, kaj nek celas doni estetikan ĝuon, nek kaŭzi emocion pli altan ol la pure materiala zorgo.

Ĉe la nigrulo la bildarto estas la kreo de tiaj objektoj kiajn li sentas esti la necesaj objektoj lau lia filozofi-religia pensado. Tiu filozofi-religia pensado estas la rezulto de lia propra animstato, pli konvinke sentita ol intelekte difinita. Eĉ la nigrulo mem ne povus vortigi tiun ideon, sed profunde li sentas ke estas tiel, ke ne povus esti alie! Ne estas kredo sed estas scio.

La eterna nostalgio de la homaro, la emo koni originon kaj finon, konvinko de la limeco de ĉiu afero kaj, profunde en si, la deziro al la eterna, la senlima kaj senfina, ekzistas, nekonscie, en la nigrulartisto. Komenco kaj fino, kunfluantaj, estas la praenergio, le esenco de la vivo. En tiu praenergio radikas la homo per la prapatroj. Laŭlonge tiu linio, al li venas la esenco de la vivo ; sen tiu linio, la vivesenco estas barita kaj la daŭrigado de la vivo iĝas ne plu ebla. La homo estas ero en la ĉeno de la praenergio kiel komenco, tra prapatroj kaj idoj, ĝis



**POR FESTOTAGOJ !**

La Nederlanda Mondfederalista Asocio, sekcio de la « Mondasocio de Mondfederalistoj », eldonis belaspektan duoblan karton (10 x 18 cm), kiu montras kvin diverskolorajn infankapetojn — simbolon de la homara unueco — kun la sekvanta teksto:

« Ne povas esti nacia sekureco sen mondpaco, ne mondpaco sen internacia
» justeco, ne internacia justeco sen jura mondordo, ne akceptebla, efika mond-
» ordo sen institucioj, kiuj kreas mondleĝojn kaj kiuj povas devigi al ties
» plenumo. »

La Asocio presigis la kartojn en nederlanda lingvo kaj apartan kvanton en Esperanto. Ni promesis informi la esperantistojn pri tiu escepta eldonaĵo. Ni volonte instigas la legantojn mendi tiujn kartojn, por ke la iniciativo de niaj mondfederalistaj amikoj ne estu fiasko.

Oni povas uzi ilin ĉe ĉiuj festaj okazoj: Kristnasko, Novjaro, Pasko, naskiĝtagoj kaj ankaŭ por leteroj, ĉar restis sufiĉa spaco por skribo. La Universala Esperanto-Asocio en Rotterdam bonvolis prizorgi la vendadon de la kartoj.

La prezo de unu karto kun koverto estas unu stelo (0,25 gld.). Sendkostoj por 4 ekzempleroj: 0,40 st. (0,10 gld.).

La kartoj (minimume 4 ekzempleroj) estas mendeblaj ĉe

**U.E.A., Eendrachtsweg 7, ROTTERDAM, Nederlando.**

---

la praenergio kiel fino. La prapatroj, mortaj dum la jam longtempe pasintaj periodoj, aŭ hieraŭ, bonaj kaj malbonaj, daŭrigas vivi, eterne plenumantaj sian taskon de gvidanto de la vivenergio, animantaj ĉion kaj loĝantaj en ĉio, kaj ili estas la objektoj de religiaj zorgoj.

Teni la kontakton kun la antaŭuloj, sekurigi idaron, plifortigi la linion per kiu la praenergio alvenas, estas celo kaj kialo de la magio. La plastiko, produkto de artisto, havas sian taskon en tio, ne kiel artaĵo sed kiel ilo.

### Magio.

Originalan enklasigon de la nigrulplastiko oni povus fari en la senco de nia antaŭe esprimita opinio, laŭ la celo volita per la kreado : ligi la animojn de la prapatroj por ke la vivesenco daŭrige alvenu al la vivantoj ; protekti la ekzistantan rason ; certigi al si idaron.

Por la unua grupo tipika estas la aro de reĝbildoj de la Bakuba-popolo ; ankaŭ la ĉie disvastigitaj prapatro-bildoj. Rimarkindaj ankaŭ estas kelkaj bildoj de la Basonge-popolo, kiuj montras la prapatron portantan specon de korno sur la fronto aŭ kapo . . . Kelkaj maljunuloj certigis min, ke tiu tiel nomita korno fakte estis la reproduktorgano de la prapatro. Tio denove povus montri kiel la daŭrigo de la raso, la reproduktado, estas gravplena por la nigrulo.

Por protekti la vivantojn kaj certigi pri idaro, ambaŭ eroj en la ĉeno de la praenergio kiel la ideala solviĝo de ĉiu vivo, la plastiko nur kreas la ujon en kiu multfoje la magiisto kaŝas la magian substancon. Tipikaj estas la bildoj, en kies ventro tiu substanco, kapabla influi la nevideblan, sin trovas. La ventro estas la kesto de la ekvekiĝanta vivo, la ideala konservujo de la plej valora. Rimarkindaj ankaŭ estas la virino-bildoj kun poto antaŭ la ventro ; kaj inter alia la kutimo ĉe la Aluundapopolo, ke la Swana Mulunda, la virino plej alte honorinda, la patrino de la tribo, post la morto de la suvereno — laste morta ero

**KOMUNIKO DE BEFA**

Estimataj Gesamideanoj,

B.E.F.A. estas organizo por fervojistoj esperantistoj. Ni havas membrojn en pluraj urboj.

Ni disponas pri:

1° Anoncspaco en la fervojaj grupavizoj kaj en la oficialaj organoj de nia fervoja societo: « Het Spoor » kaj « Le Rail ».

2° Kelkaj kolorfilmoj kaj diapozitivoj pri diversaj E-temoj per kiuj ni facile povas agrabligi kelkajn de viaj kunvenoj. Tiun servon ni disponigas al vi tute senpage.

Por nia reciproka avantaĝo ni proponas al vi por aperigi ĉiumonate tutbelgian E-kalendaron en la fervojaj publikaĵoj.

Por tio vi bonvolu informi nin pri:

a) Loko, dato kaj horo de viaj kunvenoj
b) Loko, dato kaj horo de viaj E-kursoj
c) Eventuale pri via programo por la fino de '61 kaj por 1962.

---

en la ĉeno de la praenergio — konservas la brakringon, simbolo aŭ fonto de lia povo, sur sia ventro, ligitan, ĝis ke oni indiku la novan suverenon — sekvanta ero en la ĉeno.

La magia substanco, konservita aŭ ne en bildo, ankaŭ povas esti fabrikita por pliigi la vivesencon de la individuo posedanta la substancon, pere de la ŝtelado de vivesenco al la fonto de la praenergio, aŭ per ŝtelado de la vivesenco de aliaj personoj. La najlobildoj, multnombre trovitaj en la regiono de la malsupra Kongo-rivero, certe servis por malbonfari, tio volas diri : ŝteli vivesencon de aliaj.

### Morto ne estas fino.

Klare ankaŭ estas por la nigrulo, ke la vivesenco de la individuo ne malaperas kun la morto. La fakto ke en la lasta, bedaŭrinde ankoraŭ ĉiam daŭriganta batalo inter Baluba kaj Bena Lulua, la venkantoj enpoŝigas korpopartojn de la viktimoj, pruvas ke la magiisto, por protekti la venkanton kontraŭ la vivesenco de la venkitaj malamikoj, au por ŝteli tion, devas disponi pri parto de la korpo, kaj plej eble pri tiuj partoj en kiuj la vivesenco ĉefe sin trovas. Por la magio tiuj korpopartaj servis kiel kontaktiloj. Multaj bildoj, inter aliaj la najlobildoj servis por kapti la kontakton kun la viktimo.

Ekstere de la temo de tiu artikolo, mi ŝatus ankaŭ rimarkigi ke flanke kaj ofte neseparebIe de la magio, evoluis speco de kuracarto. En kelkaj regionoj traktado per hormonoj estas konata.

Kiel mi klopodis montri, la plastika nigrularto, kiel kreaĵo de la belo, ne ekzistas. Certe, tiu opinio alportos al mi malpli favoran kritikon de kelkaj artistaroj ; kaj estus tre agrable al mi, se foje mi estus devigata ŝanĝi miajn opiniojn kontraŭ pli altnivelaj. Mi ne dubas ke ekzistas inter la nigruloj, kiel inter ĉiuj homoj, artistoj kiuj amas belecon kaj klopodas esprimi siajn senton kaj ideon per rimarkinda kreaĵo ; sed ĝis nun, la nigrulartisto estis mallibera, ligita per tre malnovaj devoj de konvinko kaj tradicio. La lasta generacio tamen, per impulso de eŭropanoj, jam sukcesis estigi valorajn kreaĵojn. Ni esperu ke tiu atingaĵo ne pereos en la hodiaŭa ĥaoso.

André CLAEYS (Brugge).






WILLIAM AULD: « **Unufingraj Melodioj** » (kun skizo pri la aŭtoro de John Francis). En la serio de Beletraj Kajeroj eldonis « Stafeto » de Prof. Dr. J. Regulo-Perez, La Laguna — Kanariaj Insuloj (1960) — 128 paĝoj. Prezo: 1 Usona Dolaro.

Se mi rekomendas tiun-ĉi libron, kaj en la supozo ke sekve de tiu rekomendo iom da esperantistoj aĉetas ĝin, mi ne dubas ke multaj inter ili malbenus min pro tiu rekomendo. Post legado de ekz. « Noktaj Pensoj » ili ekkrios: « sed tio ne estas poezio; tio estas spiritmalsanaĵo aŭ — nenormalaĵo ! ». Ili troviĝos en ĝuste la sama animstato en kiu troviĝis tiuj artamatoroj, alkutimiĝintaj al la klasikaj formoj kaj reguloj, kiuj unuafoje vidas pentraĵon de Marc Chagall aŭ Salvador Dali. Kiel la du nomitaj pentristoj estas surrealistoj, tiel kelkaj poemoj de W. Auld estas surrealistaj. Kaj tio estas la unua afero kiun vi devas scii, kara leganto, antaŭ ol komenci la legadon de la poemoj de W.A. La surrealistoj pentras la sonĝojn kaj la internan, kaŝitan vivon de la subkonscio, kaj la sekretajn dezirojn aŭ strebadojn pri kiuj ofte la homoj ne konscias, sed kiuj tamen laboras en la homa psiko kaj kiuj influas la homon. La leganto klopodu foje ĝuste pentri unu sian revon aŭ priskribi ĝin. Poste li legu la menciitan poemon. Li ekkomprenos kaj ekĝuos ĝin. Estas dua afero kiun vi devas scii antaŭ ol ekataki la arton de W.A. Lia arto ne signifas kaj ne donas distraĵon. Tre ofte kiam oni volas rekomendi poemaron, oni diras : vi bone amuziĝos aŭ trovos agrablan distraĵon. Se tion oni dirus pri Auld, tio estus tutsimple trompo. Multaj de liaj poemoj havas profundan sencon kiun oni kaptas nur post tre atenta legado kaj relegado. El tiu-ĉi kolekto multajn mi relegis eble dek fojojn kun intertempo de pluraj tagoj. Mi meditis post legado. Ofte mi eĉ haltiĝis je iu vorto. Nur poste evidentiĝas la beleco aŭ sencoplenceco. Kaj tio ne plezurigas, sed spirite riĉigas. Kaj tio estas la frukto de la legado de la poemoj de W.A.: ili spirite pliriĉigas. Tria afero. Vera, talentgrandega poeto alportas iun mesaĝon al la homoj. Li estas personeco kiu multe pli profunde sentas ĉu la mankojn, ĉu la bezonojn ĉu ion alian de la homoj. Li devas ankaŭ esti personeco kiu kapablas esprimi tion ! Kaj en bela formo ! Nu, tia personeco estas W.A. kaj tia poeto li estas. Post kiam mi legis « La Infana Raso », liajn multajn poemojn en « La Nica Literatura Revuo » kaj nun tiun-ĉi volumeton, restas en mi ne plu eto de dubo pri tio. Tial vi devas legi, primediti kaj posedi liajn verkojn.

Notu bone ke tiu kiu skribas tiun-ĉi recenzon estas ideologie la kontraŭo de W.A. Tamen tiun ateston mi devas alporti. Estas tie-ĉi nek la loko nek la momento oportunaj por komenci ideologian debaton. Aliflanke mi devas ankaŭ konfesi ke ne ĉiujn poemojn mi komprenis aŭ ĝuis. Sed tio estas neevitebla. Restos ĉiam granda parto da subjektiva aprezado aŭ malaprezado en arto. Sed estas en la kolekto ankaŭ poemoj kiujn verŝajne ĉiuj komprenas kaj valortaksas. Ekzemplo: la tragika kaj ĉe multaj individuoj vera « Unu el Ni » en kiu poemo mi opinias nur banala la solan frazon « L'edzinon kokri lin senzorge lasas ». (Sed tio

manufakturaĵo firmo DE BROUWERE

Magdalenastraat, 29, Kortrijk (Belgujo) - Tel. (056) 216.54



# VIRINAJ BLUZOJ KAJ JUPOJ
# " MAGDELEINE "

deponita kvalitmarko

la perfekta konfekcio

fabrikita el plej bonaj svisaj teksaĵoj

Haveblaj en la bonaj konfekcibutikoj



PRECIPAJ CENTROJ:

| | | |
|---|---|---|
| Antwerpen | : | Aalmoezenierstr. 2 |
| | | Abdijstr. 57 |
| | | Anselmostr. 17 |
| | | Nationalestr. 87 |
| Arlon | : | Marché-aux-Légumes 16 |
| Brugge | : | Breidelstr. 8 |
| Brussel | : | Galerie d'Ixelles 9 |
| | | Anspachlaan 194 |
| Eupen | : | Kirchstr. 14 |
| Gent | : | Brabantdam 25 |
| Herstal | : | Rue Large Voie 4 |
| Leuven | : | Bondgenotenlaan 29 |
| Luxembourg | : | Place de la Gare 67 |
| Mechelen | : | Grootbrug 8 |
| Roeselare | : | Ooststr. 124 |
| Tournai | : | Rue Royale 75 |
| Turnhout | : | Herentalsstr. 6 |
| Verviers | : | Pont St. Laurent 2 |

— Presita en Belgujo de H. De Baene-Sercu, Delaplacestraat 9, Sint-Kruis Brugge —